9-a jaro. — N-ro 7-8 (101-102) Julio-Aŭgusto 1923.

# Belga Esperantisto

MONATA REVUO

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Direktoro :
FRANS SCHOOFS, Kleine Beerstraat, 45
ANTVERPENO



JARA ABONPREZO : FR. 10.—

ANTVERPENO
1923

# Belga Ligo Esperantista

## Ĉiujara Kotizaĵo

(Jaarlijksche bijdrage — Cotisation annuelle) :

| | | |
|---|---|---|
| Ordinaraj membroj (Gewone leden. — Membres ordinaires) | fr. | 5.— |
| Ordinaraj membroj kun abono de «Belga Esperantisto» | fr. | 10.— |
| Protektantaj membroj (Besch. leden — Membres protecteurs) | fr. | 25.— |
| Bonfarantaj membroj (Leden-weldoeners — membr. bienf.) | fr. | 50.— |

---

HONORA KOMITATO:

Prezidanto: Princo LEOPOLDO DE BELGUJO, Duko de Brabant.
Prezidinto: Generalo Grafo LEMAN.
Membroj: S-roj BERNIER, Skabeno, St. Gilles.
BRAUN, antaŭa urbestro Gent.
CH DESSAIN, Urbestro de Mechelen.
F. COCQ, Skabeno de la Publika Instruado, Ixelles.
DEVREUX, Urbestro, Charleroi.
DEWANDRE, Skabeno de la Publika Instruado, Charleroi.
DUBOIS, Direktoro de la Supera Komerca Lernejo, Antwerpen.
Senatano HOUZEAU DE LEHAIE, Mons.
Senatano LAFONTAINE, Bruselo.
A. MAERTENS, Prezidanto de «Banque de Flandre», Gent.
PASTUR, Konstanta deputato de la Provinco, Marcinelle.
B-no RUZETTE - VAN CALOEN DE BASSEGHEM, ministro de Terkulturo.
LEON SCHEERDERS, industriisto, St. Nicolaas (Waes).
J. SCHRAMME, advokato, Brugge.
J. SPINHAYER, antaŭa, Urbestro, Verviers.
D-ro R. VAN MELCKEBEKE, ĥemiisto, Antwerpen.
VERDONCK, Urbestro, Gentbrugge.

---

## Oficiala Organo de la Ligo

# " BELGA ESPERANTISTO „

Redakta Komitato:

S-roj COGEN, PAROTTE, PETIAU, SCHOOFS, VAN SCHOOR, WITTERYCK.

Jara Abonprezo: Belglando Fr. 10. — (specialaj kondiĉoj por Grupoj)
Eksterlando : Fr. 12.—.

| Anoncoj: | 12 numeroj. | 6 numeroj. | 3 numeroj. | 1 numero. |
|---|---|---|---|---|
| 1 paĝo : | Fr. 200.— | 105.— | 60.— | 30.— |
| 1/2 paĝo : | Fr. 105.— | 55.— | 35.— | 20.— |
| 1/3 paĝo : | Fr. 70.— | 40.— | 25.— | 15.— |
| 1/4 paĝo : | Fr. 55.— | 35.— | 20.— | 12.50 |
| 1/8 paĝo : | Fr. 30.— | 20.— | 15.— | 10.— |

Verdaj kovrilpaĝaj : samaj prezoj + 150 0/0.

## AGADA KOMITATO

Prezidanto: S-ro A. J. Witteryck, Steenbrugge.
Vicprez.: S-roj L. Cogen, Ninove; L. Champy, 17, r. Richard, Anvers.
Ĝenerala Sekretario: S-ro H. Petiau, St. Lievenslaan. 60, Gent.
Kasisto: S-ro F. Mathieux, 15, Avenue Bel-Air, Uccle.
Direktoro de la Oficiala Organo: } Fr. Schoofs, 45, kleine Beerstraat,
Gazetara Servo: } Antwerpen.

MEMBROJ ELEKTITAJ DE LA ĜENERALA KUNVENO.

S-roj Babilon (Jumet), L. Champy (Antwerpen), D-ro Dupont (Beyne-Heusay, S-ino Elworthy - Posenaer (St. Mariaburg), Jos. Parotte (Verviers), Frans Schoofs (Antwerpen), D-ro W. van der Biest (London) kaj Oscar Van Schoor (Antwerpen).

DELEGITOJ DE LA GRUPOJ.

Antwerpen: Antverpena Grupo Esperantista: S-ro A. Van de Velde, 10, Olijftakstraat.
» La Verda Stelo, S-roj E. De Coster, M. Jaumotte.
» La Suda Lumo, S-ro J. Jacobs; 444. Boomsche steenweg.
» Esperantista Junularo: R. Broeckhove, Maatstr., 52.
Boom : Grupo Esp., J. Clerbaut, Groenhofstr..
Brugge: Bruĝa Grupo Esperantista, S-ro A. J. Witteryck, Steenbrugge. F-ino Y. Thooris, 4, rue de l'Outre.
Charleroi: Grupo Esperantista, A. Henraut, 30, r. Ferrer, Lodelinsart.
Gent: Genta Grupo Esperantista, H. Petiau, 60, St. Lievenslaan, Gent. C. Van de Velde, Zwarte Heirestraat, Gentbrugge —
» La Progreso, S-ro L. Cogen, Ninove, kaj F-ino E. Colyn, Ryhovelaan, 21, Gent.
Gendbrugge: «Espero»: S-ro De Bruyker, Gestichtstraat, 96.
Ledeberg: La Tagiĝo, S-ro L. Varendonck, 113, Kerkstr., Gentbrugge.
Liége: Lieĝa Ago, S-roj Oger, 37, rue de Campinne, Liége, kaj F. Derigat, rue St. Eloi, 11, Liége.
Lier: Liera Stelo, S-ro J. Leflot, 47, Vaartlaan, Lier.
Lokeren: La Durma Stelo, S-ro A. Roels, Bergendries 28.
Mechelen: Grupo Esperantista Axel Baesens, Statiestraat, 16.
St-Gilles-Bruxelles: Antaŭen, F. Mathieux, 15, Av. Bel-Air, Uccle.
St. Nikolaas-Waes: Unueco estas Forteco, S-ro A. De Bosschere, 3, Place de la Régence.
Sclessin: Grupo Esp.: J. Bissot, rue de Trazegnies, 72.
Spa: Soc. Espéranto de Spa, S-ro J. Desonay, Place des Glorieux, 3.
Verviers: Esperantista Grupo, S-ro Joseph Pirnay, 146, Ch. de Heusy. J. Herion, rue des Raines, 8.

9a Jaro Julio-Augusto 1923 N° 7-8 (101-102)

BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

Redakcia parto:
FRANS SCHOOFS
45, Kleine Beerstraat, Antwerpen

Abonoj kaj Monsendoj
FERN. MATHIEUX
15, Avenue Bel-Air, Uccle

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laûbezone la manuskriptojn.*

# Praktika Uzo de Esperanto

Tre grava duonmonata revuo ekonomia kaj financa «France Europe Orient» enhavas en ĉiu numero du- ĝis kvarpaĝan bultenon, france kaj Esperante redaktitan: «Internacia Komerco per Esperanto». La adreso de la revuo estas: 67, rue St. Lazare, Paris.

La organiza komitato de la «Sekvantaro de l'Juveloj» en Antverpeno presigis kaj dissendis eksterlanden trimil broŝurojn propagandajn pri la festoj de la diamanto.

La komerca foiro de Bruselo eldonis 800-paĝan registron «Les Industries Belges», en kiu estas notitaj seplingve: france, flandre, angle, germane, hispane, itale, portugale, 2300 specialaĵoj de la belga industrio, kun cito por ĉiu de la produktanta firmo.

Ni ne povas kompreni, kiel la belga foiro ne profitas la spertojn de la aliaj foiroj pri la uzo de Esperanto, spertoj tiel klare priskribitaj en la raporto pri la Venezia konferenco, kaj ne volas profitigi la belgan industrion de la uzo de nia lingvo; aŭ ĉu ĝi vere opinias, ke en la tuta mondo ĉiuj bezonantoj de iu aŭ alia artiklo parolas unu el la sep de ĝi elektitaj lingvoj? Ni atentigas ĝin pri la agado de la Komerca Ĉambro de Parizo por la enkonduko de Esperanto en la servo de komerco kaj industrio, kaj kopias el la franca gazeto «La Liberté» kelkajn frazojn el intervjuo de S-ro André Baudet, membro de tiu K. Ĉ.:

« La Liberté» me demande ce que je pense de l'espéranto.

« Qu'on me permette d'abord d'avouer ce que j'en ai pensé...
» avant de le connaître. Eh bien! j'ai cru que ce n'était pas sérieux.
» J'ai cru qu'on nous prônait un nouveau volapük d'une extrême diffi-
» culté à apprendre. J'ai cru aussi (et le zèle peut-être excessif de cer-
» tains espérantistes y a contribué) que cette langue artificielle avait
» la prétention de remplacer les autres langues, ce qui serait une utopie.

»Or ce n'est pas cela du tout.

» D'abord l'étude de l'espéranto sans professeur est d'une facilité
» surprenante.

».. (Sekvas kelkaj klarigoj pri gramatiko kaj kunmeto de E.).

» Pour ma part, je n'ai jamais passé qu'une dizaine d'heures à
» apprendre tout seul l'esperanto, et je puis correspondre par lettre
» avec 64 pays. Je puis même le parler, bien que mon vocabulaire soit

» encore restreint; et j'ai constaté que la Conférence de Venise s'est » tenue en Esperanto aussi facilement que s'il se fût agi d'une assem- » blée nationale, et songez qu'il y avait **vingt-six nationalités diffé- » rentes!**

» J'ai pris part à la discussion et me suis entretenu hors séances » avec un Hongrois, un Romain, un Anglais, un Japonais et un Chinois, » délégué des Chambres de Commerce de Pékin et de Tsien-Tsien. Cela » c'est un fait d'expérience qui dépasse toutes les controverses.

» C'est pourquoi je viens d'apprendre avec un vif intérêt que, sur » l'initiative d'un certain nombre de commerçants et d'industriels, une » Association pour l'expansion économique de la France par l'espe- » ranto» est sur le point de se fonder.

» En face du mouvement qui se développe à l'étranger, nous » aurions grand tort de rester en arrière. Pour l'expansion commer- » ciale de la France, nous avons le devoir de ne rien négliger... même » l'esperanto!»

Kaj post tiu aŭtoritata opinio, ni demandas serioze al la Komerca Foiro de Bruselo, kaj al ĉiuj Komercaj Ĉambroj de Belgujo, ĉu vere ne estas tempo ke ankaŭ en nia lando oni malfermu la okulojn?

D. G.

# Monda Palaco Internacia Semajnoduo 1923

Ni donas ĉi sube tradukon de letero sendita de S-ro P. Otlet:

Bruselo, la 20an de Julio 1923

Sinjoro,

Je nia tre granda bedaŭro ni sciigas al vi la decidon kiun ni devis preni hodiaŭ pro politikaj kaj ekonomiaj cirkonstancoj: la IVa kunsida periodo de l'Internacia Universitato, kiu devis malfermiĝi en la Brusela Monda Palaco, la 27an de Aŭgusto proksima, estas forŝovita ĝis dato kaj en loko estonte difinotaj.

Ni multe dankas vin pro la kunhelpo kiun vi estis promesinta por la nuna jaro. Lasu nin esperi ke ĝi estos konservita al ni kiam la cirkonstancoj montriĝos pli favoraj.

Volu akcepti, Sinjoro, la certigon de nia tre distingoplena konsidero.

La Direkcio de la Internacia Universitato.

(Subskribite), P. OTLET.

La semajnoduo por kies Esperanta parto ni tiel multe klopodis dum la lastaj dekdu monatoj do ne okazos! Longa presita dokumento akompanis la ĵus legitan leteron, klariganta la senĉesajn kontraŭstarojn de la Belga Regnestraro kontraŭ la Monda Palaco. Nun ĝi sciigis ke ĝi deziras la tujan uzon de la loko por instali sian Nacian Lernejan Muzeon: de tio venas la supra decido. Por firmigi la nun ŝanceliĝantan situacion de la Unuiĝo de l'Internaciaj Asocioj, S-ro Otlet faras kvar proponojn inter kiuj unu konsistas en la translokigo de la Monda Palaco en alian landon. Malgaje, bedaŭrinde!

# Por la Monumento Zamenhof

Naŭa Listo:

| | | |
|---|---|---|
| De iu kiu timas, ke la Esperantistoj forgesas sian devon al la memoro de Zamenhof. | Fr. | 5.— |
| | Antaŭaj listoj: | 966.— |
| | Sumo: | 971.— |

POR « ESPERANTA LIGILO » DE LA BLINDAJ ESPERANTISTOJ.

Dek-unua Listo :

| | | |
|---|---|---|
| Frizist-instruisteto Gmk. 1000 kaj | Fr. | 3.— |
| | Antaŭaj listoj: | 714.80 |
| | Sumo: | 717.80 |
| | (kaj Gmk. 3451) | |

Donacojn sendu al Fr. Schoofs, poŝtĉekkonto No 284.20, Antwerpen.

# Iluzio (Fabeleto)

Estis foje ĉarma, juna princo: «Idealisto» li estis nomata, kiu vivis tre alte, super granitroko, ĉirkaŭita de la vasta, vastega maro. Liaj lando estis belega regiono, en kiu la plej strangaj, la plej helkoloraj floroj floradis, kiuj svenige odoris sub suneca aero de la plej malhela bluo.

La tutan tagon, la dolĉaj, trenantaj birdarioj bruetadis, alternataj de la plaŭdanta babilado de la moviĝantaj ondetoj, kiuj for kaj alflosis ĉirkaŭ la piedo de la firmega roko. Ĉi-tiu belega loko estis « Sonĝolando» kaj princo Idealisto tie sonĝis pri altaj idealoj.

En lia lando regis eterna printempo. Li ĉirkaŭvagadis en la suneca naturo, kviete ĝuante, kaj kiam, vespere, la suno kliniĝis je ripozo, li eksidiĝis sur elstaranta rokpinto, kaj sonĝrigardis, trans la vasta marspegulo, en kiu la lastaj karminkoloraj lumsagoj, plenaj je varmaj lumigantaj movbriloj, venis sin riflekti.

La koloreca brilega spektaklo igis princon «Idealisto» daŭre en ekstazo: li ĝuis profunde, kaj pli rapide la juna sango trafluis liajn vejnojn, kaj pli varme batis lia koro, ĉar kiam la ora suno, en ĝia abunda belegeco, mllaperis, venis al li «Iluzio» la baleta, ĉarma infano, kiu posedis lian animon. De malproksime, de trans la vasta, balancanta maro, ŝi alŝvebis, en lumiganta purpurora nebulombro. En la malhelaj harbukloj, kiuj libere ondadis ĉirkaŭ ŝiaj rondaj ŝultroj ,estis plektata girlando de veluraj rozetoj. Ŝi malpeze alŝvebis ,farante per ambaŭ siaj blankaj manetoj, signon al la princo; kiu, kun varmbrilanta rigardo en siaj malhelaj okuloj, etendis dezirante. al ŝi, la brakojn, sopirante al la dolĉa sonĝo en ŝiaj grandaj okuloj, kiuj estis profundaj kiel la maro, kaj lumigantaj kiel la pura tagiĝo, dezireme je la rava, profunda

voĉo, kiu bruetadis kiel la trenanta kanto de dolĉa poemo. Lia Iluzio! Pli bela ol la dorlotanta orradiado de la suno. Lia Iluzio, lia vivo, liaj revoj, lia amo!

Estis rave, aŭskulti en la silentanta vesperkvieteco, al la dolĉa muziko de ŝia voĉo, kiu kantis por li sonĝecajn arietojn, deklamis, perlantajn poemetojn, kiam li povis rigardi en la marprofundecon de ŝiaj radiantaj okuloj, kaj sentante ĉe si, la dolĉan rondecon de ŝiaj rozkoloraj brakoj.

Ĉio tio-ĉi animis lin, kaj li konservis profunde en si la dolĉajn kantojn, kiujn ŝi allernis al li; la kantojn, kiuj devis farigi lin POETO.

* *

Iun tagon mortis la reĝo de granda, potenca lando, kiu malproksime, tie trans la maro estis lokita. Dum tri sinsekvaj tagoj, solene sidantaj malantaŭ longa, verda tablo, interkonsiliĝis la dekdu regnestraranoj por scii, kiun elektus kiel posteulo.

Bona konsilo estis kara, ĝis unu el ili, sulketigita maljuna viro, kiu pasigis sian tutan vivon serĉesplorante en antikvaj manuskriptoj,kaj estis konata, kiel estanta tre klera kaj tre instruita, ekmemaris ke, jen, trans la vasta maro, super alta roko, loĝis juna princo, kiu povus iĝi suvereno de ilia lando.

Tio estis lumpunkto por ĉiuj. La profunde pensantaj vizaĝoj ne ekheliĝis, kaj ree la dekdu ŝtatkonsilantoj interkonsiliĝis tri sinsekvajn tagojn, por scii, kiel ili alportus tiun junan princon en sian landon.

* *

Kiel kutime, la princo vagadis en siaj belegaj ĝardenoj, kiam subite li aŭdis pezan ronkadon kaj zumegadon. Li scivoleme alrigardis kaj vidis strangan, grandan birdon, kun majestaj, larĝetenditaj flugiloj, traflugantan la aeron kaj sin direktantan al la roko, sur kiu lia lando estis lokita. Ĝi ampleksiĝis laŭmezure ke ĝi alproksimiĝis, kaj pli forta iĝis la monotona grumblado, kiu ŝajnis elspruĉi el la brusto de la monstrobirdo.

Ĝi faris paron da stultaj turnoj kaj alteriĝis tiam sur verda herbejo, premegante sub sia peza pezo la blankajn lekantetojn kaj la bluajn asteretojn.

Kun kreskanta miro «Idealisto» vidis la fremdajn estaĵojn kiuj alteriĝis, kaj alpaŝis al li, per gravaj, mezuritaj paŝoj.

Kun rigida inklino ili sin prezentis, kiel estantaj la dekdu regnestraranoj de la granda regno: « LA VIVO ».

Iliaj voĉoj sonoris maldolĉe, kaj ilia agado ŝajnis tiom stranga al Idealisto, kaj kiam ili demandis al li, kuniri kun ili, kaj iĝi, «REĜO-HOMO» de la granda kaj potenca reĝlando «VIVO» li skuis sian kapon kun la abundaj blondaj haroj.

Forlasi sian sonĝolandon! «Ne, tio ne!» Sed la fremduloj insistis kaj flatis lin; lin rakontis pri la grandaj trezoroj de sia lando, la belegaj festoj, la grandegaj palacoj.

Forta deziro ekiĝis ĉe Idealisto por kuniri kun ili al tiu granda fremda lando, kie li estus reĝo: forta deziremo por koni la nekonaton, kiu kuŝis, ekster lia «Sonĝolando».

Liaj esplorantaj okuloj direktiĝis al la giganta birdo, kiu, en la ora suno brulkonsumiĝis.

Devis esti ravege, ŝvebi per tio en tiuj vastaj bluaj aeroj.

Forgesante sian timon, li kuris al la dolĉe ronkanta aĵo, kaj ensaltis ĝin, ekkriante entuziasmoplene: «Mi kuniras al la granda, fremda lando; mi kuniras!» Alte ŝvebis kaj turnis la birdo trans la vasta maro, kaj Idealisto vidis, kiel lia «Sonĝolando» iĝis daŭre pli malgranda, kaj en la malproksimo, malpreciziĝis kiel malhela eta loketo. Liaj grandaj deziremaj okuloj trovis ĉion tiel nova kaj beleta, ke la voĉeto, kiu momenton malĝoje eksonis en lia interno, baldaŭ surdiĝis.

Li ne pensis al tio, kio estus kaj okazus... li nur ĝuis!...

Je sunsubiro Iluzio venis, kiel kutime, alŝvebante en orkarmena nubo.

Ŝi ne trovis nun sian beletan Sonĝoprincon, ŝin atendantan kun deziremaj, etenditaj brakoj kaj amplenaj, brilantaj okuloj. — Ŝi vidis nur la florojn, kiuj pendigis malgaje sian kapeton, kaj ĝemantaj voĉoj ŝin alvokis el la densa foliaro: «Idealisto estas forfluginta al malproksimaj, fremdaj landoj. Kiu nin nutros de nun? Idealisto estas foririnta! Tiam la dolĉa sonĝo formortis en la belaj okuloj de Iluzio, kaj kun elkora dolorkrio ŝi estas malaperinta en la profundan maron, kiu kantis funebrajn mortkantojn...

* *

Kun peza tamburbatado, trumpeĉkorneta sonorado kaj kapturnigaj, komfuzaj aplaŭdoj de la popolo, la princo estis akceptata en la granda potenco lando: La Vivo, kiun li de nun estrus sub la titolo: Reĝo-Homo.

La plej riĉa princino de la ĉirkaŭaĵo estis «Realeco». Al ŝi li iĝis edzigita, kaj grandaj festoj estis organizataj, ĉe kiuj la malnova ruĝa vino ,abundege fluis. La gastoj tenis laŭvice longajn, flatantajn toastojn kaj kriegis bruegajn kantojn, kiujn, de la aŭskultantoj estis aklamitaj per laŭta manklakado.

Reĝo-Homo nenion komprenis pri ĝi; sed li jam aŭdis kaj vidis tiom da strangaj aĵoj en tiu-ĉi granda lando, ke li pensis ke ĝi taŭgis tiel, kaj ĝojis senkonscie kun la aliaj. Li estis ankaŭ petata kanti ion kaj tiam la dolĉaj versetoj, kiujn la ĉarma Iluzio inspiris al li, ekvekiĝis en lia spirito, kaj per dolĉtremanta voĉo li kantis la sonĝecajn «Melodiojn».

Subpremata mokridado estis aŭdata flanke de la korteganoj.

La reĝo silentis timigita kaj alrigardis kiel helpbezonanto al sia fianĉino «Realeco» kies buŝanguloj malŝateme subtiriĝis, kies malvarmaj okuloj rigardadis indiferente antaŭ si, kaj kiu malafable kaj rigide sidis apud li, en malhelgriza vestaĵo, sen dolĉeco, sen sento, sen amo.

Kaj granda terura doloro ekiĝis en lia koro, tial ke la homoj, ĉe kiujn li venis, tiom plena je Idealoj primokis tion, kion li konsideris kiel la belegan en sia junula vivo, la kantojn de sia sonĝema Iluzio, sia Poezio; kaj ploranta nostalgio konsumis lian animon. Kial mi forlasis mian belegan sonĝolandon? Kial, kial?... Tiel forpasis la tagoj, plenaj je afliktantaj senesperigoj por «Reĝo-Homo».Potencaj malamikoj minacis lian regnon: «Senreviĝo» kun ĝiaj akraj, pikantaj glavoj, kun

ĝia malmilda ĉionrompiganta forto, kiu daŭre kontraŭagis liajn plej belajn planojn, kaj celis mortigi liajn plej intimajn sentojn.

La «Jaluzeco» kun ĝia armeo da rampantaj venenaj serpentmonstroj, kiuj senĉese spionadis lin per siaj flavaj venenigaj okuloj. — Kaj tiel Reĝo — Homo devis batali ege kaj terure por teni sian: «Riĉan vivon» libera kaj forta.

Kaj kiam li revenis tiam en sian palacon, li ne trovis ĉe la malvarma «Realeco», la pacan ripozon kaj la fortigantan, konsolantan vorton, al kiu lia animo tiel emis. Pli kaj pli forta iĝis lia deziro al la ravega «Loko», kie lia Iluzio lin vizitis, kaj kie ĉiu floro estis intima, dolĉa revo, kaj ĉiu birdkanto dolĉesonanta poemeto. Ne interesis al li la brilegaj festoj post gloraj venkoj; lia animo malsatis... malsategis...!

...Kaj ian nokton, dum ĉio dormis ĉirkaŭe, li forlasis la palacon kaj sian potencan imperion, vestita en sia verdvelura vestaĵo de antaŭe, kiam li estis ankoraŭ: «Idealisto». Multajn, multajn tagojn li vagadis tra fremdaj landaj, nutrante sin per tio, kion li dumvoje trovis; malŝatata de la homoj, tial ke li forgesis sian devon de «Homo», evitata kiel forjetulo, kiel «Pariao».

Tiel li atingis fine la marbordon kaj la espero reekardiĝis en lian koron; foje pasinte trans la vasta oceano, li estus retrovinta sian «Songôlandon».

En difektita boateto li akceptis la transiron, luktante kun gravaj ŝtormventoj kaj sovaĝe bruantaj ondegoj. Fine li alteriĝis ĉe la bazo de la alta granitroko, kie, sur la plej alta pinto, la tiom deziregata «ŝongolando» etendiĝis. Malfacile li grimpis supren, laŭlonge de la kruda rokdeklivo, vundante siajn piedojn al la pintaj ŝtonoj kaj akraj dornarbetaĵoj, kiuj abunde elkreskis inter la fendegoj. La vespero ekestiĝis, kiam, kun kaviĝintaj vangoj kaj je pecoj disjeiritaj vestaĵoj, li metis la piedojn sur la altebenaĵon, kie iam «Sonĝolando» etendiĝis.

Iam! ho ve! Jes, iam, ĉar neeble estis rekoni en tiu seka, nuda ebenaĵo la belegan «Lokon» de la estinteco. Nenia floro kreskis plu en la antaŭe tiel fekunda tero, nenia kanto tie resonadis; ĉie, premanta, minacanta silento, kvazaŭ la morto estis ĉi-tie ĉion forfalĉinta.

Malmilda, terura doloro kunpremegis la koron de la vagulo. «Mia ĉarma Sonĝolando, de kiu ĉiu floro estis stelo, ĉiu zumado, estis poezio por mi, kiel vi iĝis tiel?... kiel vi mortis tiel?... Kaj malgaje pripensante, li sidiĝis sur la elstaranta rokpeco, kie antaŭe, li ankaŭ atendis sian sonĝeman «Iluzion».

Ege li elploradis sian animmalsaton kaj deziron.

«Iluzio! mi tiom bezonegas iun kareson de viaj brakoj!»

«Iluzio! venu, kaj reportu al mi la benatan sonĝon de viaj okuloj, la harmoniplenajn melodiojn de via voĉo».

«Ho! venu, venu! mia ĉarma Iluzio. Sed kiel ankaŭ liaj brulantaj okuloj rigardis en la ampleksan vastecon, nenia lumiganta nubeto alŝvebis, la griza noktaero iĝis pli malhela, kaj la morteca silento pli funebre malĝoja. Nur granda nigra birdo flugis, per peza kaj forta flugilbato kaj malfeliĉanoncanta korvoblekado ĉirkaŭ lia kapo, kaj malsupre, ĉe la bazo de la granitroko, la ondoj kantis sian malĝojan sonĝplenan mortkanton...

Tion la solulo konscius, nun li ekkomprenis la teruregaĵon! kaj ĝemante pro premeganta animdoloro, li teren falis sur la pintan rokpecon, kriegante: Iluzio! mia dolĉa Iluzio estas mortinta!

Tradukita de S-ro Varendonck, L. MANY MANS.

Aperis en la monata revuo: «Het Morgenrood», Ledeberg No 10, Mei 1923.

# Internacia Stenografisto

Jen estas la titolo de la «Oficiala Organo de la Internacia Asocio de l'Esperantistoj-Stenografistoj» kies kreo estas komunikita dum la Ĝenerala kunveno de la XIIa Kongreso de la Belgaj Esperantistoj, en Namur, dum la lastaj Pentekostaj tagoj. Tiu ĵurnalo estas dumonata kaj ricevebla nur per aliĝo al la Asocio. La direktoro kaj kreinto de l'Asocio kaj de la gazeto estas nia bonega amiko S-ro P. Flageul, 9, Boulevard Voltaire, Issy, Seine, France.

La gazeto estas mimeografita sed ĝi fariĝos esperebla presita organo kiam la nombro de la Asocianoj estos sufiĉe granda. Ĝis nun ĝi estas okpaĝa kaj tre zorge kaj legeble skribita. En enkonduka artikolo «Antaŭen!» estas klarigita la celo de l'entrepreno kiu, inter alie, estas konigi la diversajn stenografiajn sistemojn uzitajn kaj uzatajn.Tiam sekvas la jenaj artikoloj: La belskribarto (P. Flageul), — La plej malnova surskribo konata — kvindekjara datreveno de l'Stenografia Instituto de Francujo — Internacia Kongreso pri Stenografio en Lausanne (ĝi ne okazos!) — Leterkesto — Kroniko el Francujo, Svisujo, Belgujo kaj Italujo.

La regularo de la nova Asocio estas nun en ekzamenado kaj la dimanĉon 9an de septembro okazos en la Centra Oficejo, 51, rue de Clichy, Paris, Stariga Kunveno de l'Asocio, dum kiu la definitiva regularo estas verkota.

Ĉiuj gesamideanoj, kiuj sin interesas al la Stenografio, devus partopreni en tiu tre interesa entrepreno. Por tio ili neprokrastante sin turnu al S-ro Flageul. L. COGEN.

P. S. — Jam aperis dua numero de I. St.

# Gaja Literaturo

La monologo pri Faŭsto (aŭ pri la operoj).
(Laŭ franca originalo de ne konata aŭtoro).

Doktoro Faŭsto,maljuna hirurgiisto-majoro, kiu sopiris dum La Tago kaj La Nokto pri La Blanka Sinjorino kiun li estis ekvidinta kvazaŭ Fulmo dum La Sonĝo dum Somera Nokto, vokigis Roberton la Diablon. Tiu-ĉi promesis al li la forton kaj la junecon de Juna Hendriko. Faŭsto, englutinte La Pilolojn de l'Diablo, kaj iginte sin razi de l'Barbisto de Seviljo, foriris por sopiri ĉe La Bela- Junulino de Perth, por peti de ŝi La Koron kaj La Manon. Sed Rigoleto, kiu gardis

pri la honoro de sia Maskoto, ekkriis: «Evitu, evitu, filino mia, tiujn Amojn de la Diablo, ĉar La Hugenotoj ne povas edziĝi je Judino!» Tion aŭdinte, Faŭsto foriris, sed, trairante La Herbejon de la Kleruloj, li vidis Manonon, Mirejon, La Periĉolon, La Esmeraldon, Karmenon kaj Miss Helieton dancantajn antaŭ Karolo la Sesa, la Nova Landsinjoro de l'Vilaĝo, kiu ĵus edziĝis je Lucio de Lamermoro, Reĝino de Ĉipro,ornamita per La Diamantoj de l'Krono. Vidante tiun geedziĝon, La Trovatoro ekkriis: «Se mi estus Reĝo, mi preferus Gileton de Narbono aŭ La Grandan Dukinon de Gerolstein!»

Subite, jen venas La Rabistoj, kondukataj de Zampo kaj Fra Diavolo; ili forrabas Lakmeon kaj ŝin liveras al La Kaido kiu estis farinta el Haideo la Favoratinon de la Kalifo de Bagdado. Faŭsto opinias ke, post tiom da aventuroj, ĉio estas perdita, kiam alvenis La Dragonoj de Villars kaj la Muskedportantoj de la Reĝino, kondukataj de La Cido, kiu, rajdante sur La Ĉevalo de Bronzo, estas akompanata de La Filino de l'Regimento, de La Filino de Sinjorino Angot, kaj de La Filino de l'Tamburisto-majoro, kaŝvestitaj en Domeno Nigra. Ĉiuj kune ekfaras la Elrabon el la Serajlo kaj forkondukas Aidaon. Baldaŭ alvenas la Afrikanino, el Jerusalemo liberigita kaj reiranta sian Patrujon, rajdante sur la Mulino de Piestro kaj kondukata de l'Postiljono de Lonĵumo, nomita Vertero, la sopiranto al Karolino Corday.

Dume, Marto, la Fianĉino de Abidoso, al kiu la Profeto estis antaŭdirinta la morton de Herodiado, eniras la Kampodometon («ŝaleon»). Fine oni povas festi La Edziniĝon de Johanineto dum sonoras La Sonoriloj de Corneville, antaŭ Rolando de Ronceveau, Vilhelmo Tell kaj ĉiuj Majstroj-kantistoj de Nurnbergo.

La ĵusaj geedzoj enŝipiĝis en La Fantoma Ŝipo por fari Vojaĝon en Ĥinujon, kie ili ĝuos sian unuan tagon de feliĉeco, trinkante el La Pokalo de l'Reĝo de Thule! Tradukis L. COGEN.

---

**Videbla signo.** — Sinjorino: Atentu, Mina, kiam vi banas la infanon. Zorgu, ke la akvo estas ne tro varma nek tro malvarma. Uzu la termometron.

Infanservantino: Ho, sinjorino, ne estu maltrankvila! Mi ne bezonas la termometron. Kiam la infano ruĝiĝas, la akvo estas tro varma; kiam ĝi bluiĝas, la akvo estas tro malvarma.

(M. De Cock.)

# Belga Gazetaro

ANTVERPENO. — «De Diamantbewerker» (4-8-23): unukolona artikolo «Practisch Esperanto» pri la decidoj de la Intern. Konferenco en Venezio kaj pri la uzo de nia lingvo por propagando de la «Sekvantaro de l'Juveloj».

«Neptune» (6-8-23): telegramo el Berlin, 4 aŭg. sciiganta ke la 15a kongreso Esperantista komenciĝis, kaj ke nek Belgujo, nek Francujo estis reprezentitaj en ĝi.

«Handelsblad» (10-7-23): longa «Scienca Kroniko», precipe pri la broŝuro «Brokken uit de geschiedenis der Wereldtaal», kiun la aŭtoro simpatie priskribas, tamen sen granda entuziasmo. Kiel baron por la disvastigo de Esperanto li citas, ke ĝi ne havas literaturon, aŭ sensignifan rilate tiujn de la ekzistantaj lingvoj. Alia argumento de li estas, ke la Latina elemento estas tro influa en Esp.

«Matin» (8-7-23): artikoleto pri la utilo de Esp. por senfadenaj telegrafo kaj telefono. (2-8-23): sub titolo «Esperanto ne sufiĉas por ebligi al la popoloj sin koni» aperas telegramo el Genève 1-8-23 kun jena teksto: «Rilate la disvastiĝon de Esperanto, la komisiono de intelekta kunlaboro decidis varme rekomendi al la Ligo de Nacioj la studadon de fremdaj lingvoj kaj civilizacioj kiel rimedon por proksimiĝo inter la popoloj. Ne malŝatante la gravecon kaj la servojn de Esp. kiel internacia praktika lingvo, deklaris komisionano al la reprezentanto en Genève de l'Agentejo telegrafa belga», ni opinias ke Esperanto ne ebligus la popolojn, kiuj ĝin uzus, koni unu la alian, kaj ke aliflanke ĝia disvastiĝo kiel helpa lingvo povus malutili al tiu de la fremdaj lingvoj». Ni atendas la oficialan komunikon pri la aludita decido.

«Volksgazet» (dato ? ): «La ministro de publika instruado en Francujo ordonis, ke la Esperantistoj ne rajtas uzi la senfadenan telefonon por la propagando de siaj ideoj kaj por la organizo de paroladoj». Tre volonte ni sciiĝus de niaj francaj samideanoj, ĉu tio estas vere vera!

GENTO. — «La Flandre Libérale» (25-5-23): En siaj «Francaj Notoj», S-ro Paul Marvilliers denove parolas pri la agado de S-ro Léon Bérard kontraŭ Esperanto. Tiu ĉi skribis ke «la Esperanta afero enhavas la malprogresigon de la franca lingvo»,«laŭ intelekta vidpunkto, la studo de Esperanto estas perdita tempo», «nia lingvo eĉ konsiderata nur kiel internacia interrilata kodo, estas ĥimero», kaj «Esperanto estas uzata kiel rimedo kontraŭ la franca kulturo kaj la latina civilizo». Jam multe estas dirita kaj skribita kontraŭ tiuj malnovaj argumentoj. Se ni povus, ni nur volus demandi al S-ro ministro Berard, kion li estus opiniinta pri propono celanta neuzi pafilojn, kanonojn, flugmaŝinojn, kc. «ĉar ĉiuj tiuj iloj estas uzataj de la invadintoj kontraŭ lia patrolando»? kaj ni esperas ke baldaŭ S-ro Bérard havu la okazon por ĉeesti kaj ĝui Esperantan Universalan kongreson, kaj kompreni la celon de nia homama movado, al kiu lia lando donis la unuan efikan antaŭenpuŝon, pri kiu la tuta Esperantistaro ĉiam kun emocio memoros

«Gazette van Gent». — (22, 29-6; 6, 13, 20, 27-7-23): daŭrigo de la publikigo de «Esperantaj Legaĵoj» kun flandra traduko. Ni varme devas gratuli tiun gazeton pro sia persista agado por nia lingvo.

---

LOGIKO.

Malgranda Karolo estis batita de lia patrino kaj nun li venas ĉe la avino kaj plendas. La avino tamen nur respondas: «patrino povas bati siajn infanojn !»

Kaj Karolo ruze demandas: «Ĉu patrinoj povas ĉiam bati siajn infanojn ?» — «Jes.» — «Ĉu vi estas ŝia patrino ?» — «Certe.» — «Batu do ankaŭ mian patrinon!!»

J. Karnas.

# Esperanto-film No 10

Por prepari la propagandon de la grupoj por la kursoj, kiujn ili organizos post la nuna libertempo, ni eldonis N-on 10 de «E.F.» kun la nacilingvaj tekstoj aperintaj en nia antaŭa kajero, nome «L'Esperanto fraie son chemin!» — «Esperanto baant zijn weg!» — Tiu tre efika propagandilo estas aĉetebla je: Fr. 3 por 50 ekzempleroj; Fr. 5 por 100 ekz.; Fr. 20 por 500 ekz.; Fr. 35 por 1000 ekz..

Mendu tuj! Disvastigu ĝin multnombre!

# Alia Propagandilo

La Ligo eldonis aparte la belegan paroladon de S-ro Cogen en la urbodomo de Namur, dum nia pasinta kongreso. Kun listo de la lastaperintaj dokumentoj pri Esperanto kaj ĝia praktika uzado, tiu nova presaĵo estas bonega propagandilo por nia afero inter france parolantaj personoj. Ni liveras ĝin po Fr. 4.50 por 50 ekzempelro; Fr. 7.50 por 100.

# Ni Gratulas :

Gesinjorojn Th. Durieux-Ex, al kiuj naskiĝis unua filineto, Lea, la 31an de Julio.

F-inon Liza Geersheuvels, kiu finis siajn instruistajn studojn, kaj akiris la unuan lokon en la fina ekzameno de la normala lernejo.

S-ron Ad. Finet, Direktoro de la normala lernejo de Antverpeno, pro la honoro kiun faris al li la registaro, nomante lin Kavaliro de la Ordeno de Leopoldo.

S-ron John Lagerwaard kaj F-inon Irma Adinau, membrojn de la Verda Stelo kiuj geedziĝis la 28an de Julio 1923a.

S-ron Maurice Jaumotte kaj F-inon Marguerite Loquet, membrojn de la Verda Stelo, kiuj geedziĝis la 18an de Aŭgusto 1923a.

# Kondolencoj

La 15an de Aŭgusto 1923a mortis la patrino de nia malnova samideanino, F-ino Ida Vermeulen, membro de la Antv. G. E.. Al ŝi kaj al ŝia funebranta familio, ni esprimas nian koran partoprenon en ilia doloro.

# La Juvela Sekvantaro

(Antverpeno, 12, 15, 19 Aŭgusto 1923)

Dank'al la klopodoj de nia bonega Amiko S-ro Schoofs, Esperanta traduko de la tre alloga broŝureto propaganda de la organiza komitato, samtempe kiel unupaĝa flugfolio diskonigis en «Esperantujo», la rondirojn de la Juvela Sekvantaro tra la stratoj de la belga komerca ĉefurbo.

Antverpeno estas samtempe grava komercejo kaj glora arturbo, kaj, malgraŭ la malbona financstato de Belgujo pro la militaj sekvoj, niaj Antverpenaj sampatrujanoj volis pruvi ke arto kaj financo kunigitaj kapablas naski mirindaĵojn!

Ili plene sukcesis: la Juvela Sekvantaro, organizita de la Antverpenaj kaj aliaj belgaj Diamantistoj, estis neforgesebla arta manifestacio pri kiu la miloj kaj miloj da vidintoj kunvenintaj el ĉiuj partoj de nia lando kaj de diversaj najbaraj landoj, kaj eĉ la posteularo parolos dum multaj, multegaj jaroj, kiel tio okazas ankoraŭ nun pri ekz. la Rubensfestoj de 1877 kaj la fama «Landjuweel» de 1892!

La Juvela sekvantaro montris la landojn de la tuta mondo kiuj «produktas» la multekostajn ŝtonojn aŭ en kiuj ili estas «manufakturataj». Ĉiu el tiuj landoj estis reprezentita de imponanta grupo da personoj (viroj, virinoj, infanoj) en naciaj kaj ankaŭ pratempaj kostumoj kaj montrantaj ĉu ŝtonelfosistojn, ĉu ŝtonpoluristojn, ĉu juvelportantajn, ĉu historiajn scenojn pri la juveloj. Multaj ĉevaloj, azenoj eĉ grupo da elefantoj, ĉu surrajditaj, ĉu jungitaj kaj kovritaj per belegaj ŝtofaĵoj estis vere «dissemitaj» en la sekvantaro. Ĉiu landgrupo finiĝis per grandega, luksega ĉaro brileganta pro oro, pro koloroj, pro ornamaĵoj kaj juveloj: tiom da veraj artaj ĉefverkoj!

Estas ne eble priskribi la belegecon de la vestaĵoj kaj de ĉio portita aŭ rulpuŝita en la sekvantaro: standardoj, kadroj kun juveloj, banderoloj, puŝveturiloj, portseĝoj, kc, kc, kc: Ĉio brilegis, ĉio ĉarmis la okulojn pro formo kaj koloroj kaj juveloj!

Vere, la juvela sekvantaro aldonis «diamanton en la artkrono» de Antverpeno; ĝi plenumis la promeson de la broŝuro: ĝi estis supera al Mirsonĝo el la Mil kaj unu Noktoj! Ĉu estas pli granda laŭdo direbla pri ĝi kaj al ĉiuj artistoj kaj organizintoj kiuj dediĉis al ĝia preparado, sian talenton kaj sian tempon? L. COGEN.

# Esperantistoj-Stenografiistoj

La XXa federacia festo de la francaj diverssistemaj stenografiistoj okazis en Charleville. Nia samideano, S-ro Flageul, la kreinto de la Universala Asocio de la Esperantistoj-gestenografiistoj,akceptigis unuanime dum la laboraj kunsidoj, sian proponon pri propaganda interhelpo de la stenografiistoj kaj de la Esperantistoj. Ni aldonu ke la stenografiistoj vizitis Lieĝon kaj Bruselon. Tiu lasta vizito okazis ĵaudon la 9an de Aŭgusto. S-roj Cogen, kaj A. Demaertelaere (eltrovinto de nova

tipografiebla stenografio) atendis la kolegojn en la Norda Stacidomo. Kune kun S-ro Flageul kaj la ceteraj gesamartanoj ili pasigis agrablan tagon en nia ĉefurbo kie ili vizitis la Tombon de l'Nekonata Soldato kaj la Parlamentejon, kaj estis feste akceptitaj en la Belga instituto de stenografio kaj en la belega urbodomo de Schaerbeek.

KRONIKO SCIENCA.

# Pri "Muzikgramatiko por Naturalistoj„

Sub la ĵus legita titolo, S-ro Josef Tihanyi publikigis novan metodon por ĝuigi, laŭ aŭdsento, la popolanojn ordinare ne konantajn la kutiman muzikskribon, je la kantado kaj akompanado, per fortepiano, violono aŭ gitaro, de facilaj kaj konataj muzikaĵoj (popolaj kantoj, melodioj el famaj operoj, k. c.).

Por antigi tiun celon S-ro Tihanyi «reformis» la ordinaran muzikskribon. Li uzas nur unu linion. Por la «notoj» li uzas la literojn Romgermanajn C. D, E, F, G, A, H, c, d, e, f, g, a, h, kc, ĝis g", montrantajn la notojn do [1] ĝis sol, [4] (laŭ franca numerado)kaj por la kvin interajn udontojn en ĉiu oktavo, li donas ĉapelitajn literojn Ĉ, D, F, G, A, kc. sistemo evidente ĉerpita el la Esperanta alfabeto. Ĉiuj tiuj literoj estas skribotaj malsupre aŭ supre de la ununura linio laŭ la malsupre-supren'a aŭ supre-malsupren'a direkto de la melodiaj partoj. La ritmo estas montrata per dikaj punkto (= nigra noto), komo (= kroĉo), turnita komo (= duobla kroĉo);duonrondo kun la pintoj malsupre (= ronda noto); duonrondo bun la pintoj supre (= blanka noto). Tiuj signoj estas metotaj supre de la muziklinio kun la «notliteroj» supre aŭ malsupre de ĝi, kiel ĵus klarigite. Se tiuj ritmosignoj staras malsupre de la muziklinio, ili montras la respondantajn silentsignojn. Jen estas la ĉefaj signoj de tiu sistemo. La aŭtoro konservis la frakciojn por montri la takton. Al tio li aldonas klarigojn por tre simpla, «primitiva» harmoniigo de la kantoj, nur per helpo de la trisonaĵoj aŭ eĉ nur dusonaĵoj (t. e. agordoj de tri sonoj aŭ dunotaj partoj de agordoj, ordinare konsonataj). Tio estas ĉefe montrita per aro da tabeloj.

La libro estas por tiel diri la «fundamento» de la sistemo. Evidente, ia instruisto devus instrui ĝin kaj la ĉefajn muzikelementojn al la «popolanoj», kaj ĉefe ekzerci ĉi-ties «aŭdan» muzikan kaj harmonian senton.

La sperto devus montri ĉu tiuj simpluloj sukcesus trovi provmaniere la ĝustajn akompanajn agordojn sur fortepiano, violono aŭ gitaro. Eble kelkaj «kapabluloj» sukcesos, kiel tion pruvas la stratai harp-kaj-harmonikoludantoj.

Sed alia demando estas la jena: ĉu estis necese, eĉ utile elpensi novan skribmanieron? La aŭtoro certe opiniis ke la ordinara muziknotado estas tro malsimpla, tro malregula por esti lernebla de popolanoj! Certe, ĝi estas plisimpligebla, sed ŝajnas al ni ke pro tio ne estis necese elpensi novan sistemon tute malsimilan kompare kun la ordinara muzikskribo. Tiaj specialaj sistemoj ekzistas jam multnom-

braj, ekz. la cifera muzikskribo de J. J. Rousseau, la tonic-sol-fa, de Miss Glover, kc. kc. Ĉiuj havas komunajn difektojn: 1e estante malsimilaj kompare kun la ordinara muzikskribo ili estas neutilaj por tiuj el la «popolanoj» kiuj ian tagon volos «perfektiĝi», eĉ nur iomete, en la muzikarto: ĉi-tiuj devos lasi la specialan skribmanieron por allerni, de la komenco, la ordinaran!

Ĉu do ne estus pli bone konservi tiun lastan skribon kaj lerni de ĝi nur tion kio estas utila por la «popolanoj»? Tiamaniere tiuj kiuj volos «perfektiĝi» jam posedos partan utilan akiraĵon kaj sufiĉos ke ili lernu la plenan uzon de la kutima muzikskribo.

Cetere, se oni opinias ke ĉi tiu lasta estas tro komplika kaj malregula (kaj ĝi estas efektive tia), oni sin turnu al ĝia ununura majstre bona simpligo, la «Aŭtonoma Muziknotado», kiu, se ĝi ne jam fariĝis tutmonde uzata, konservas almenaŭ la ĉefajn bonaĵojn de la ordinara muzikskribo al kiu ĝi multe similas.

2e tiuj specialaj notadoj forigas la «vidon» de la supren-malsuprenirado de la melodia desegno; io konservita en la Aŭtonoma Muziknotado.

La aŭtoro diros ke li celas «aŭdan» muzikedukadon; mi respondos ke li ja bezonas « skriban notadon » kiu rilatas al la okulokaj ke la melodia desegno ne estas videbla en ĝi!

3e tiuj specialaj sistemoj taŭgas nur por simpla muziko, tute ne por partituroj kiuj fariĝus nelegeblaj «unuavide». Ili do ne taŭgas por ĝenerala uzo.

La alpreno de la Aŭtonoma Muziknotado por la speciale celita uzo havus tiun grandegan kvaliton, ke estante en si mem tiel facila kiel la sistemo de S-ro Tihanyi, ĝi taŭgas samtempe por arta kaj por «popolana» uzo, kaj igas facila la retransirado al la kutima muzikskribo por la «perfektiĝemuloj». La sistemo Tihanyi male nin rekondukas al la malnovaj tiel malpraktikaj «tabulaturoj.

La Muziko por Naturalistoj havas du specialajn difektojn: 1e la nomo de la notoj kaj la ritmo estas esprimataj per du signoj apartaj (litero kaj interpunktada signo), kaj tio tute ne estas simpligo! 2e la literoj ĉapelitaj C, D, F, G, A, kaj similaj malgrandaj,havas la aspekton de diezigitaj notoj nur, kaj ne de bemoligitaj. Kiamaniere klarigi «logike» tiujn signojn al «popolanoj»? Kiom pli logikaj estas la nomoj de tiuj notoj en la Aŭtonoma Muziknotado!

La «Muzikgramatiko» aliparte enhavas multajn ekzemplojn ĉerpitajn el la trezoro de la naciaj popolkantoj kaj el famaj operoj. Tamen la melodio de la «Ave Maria» estas verkita ne de Bach, kiel presite, sed de Gounod preninta kiel akompanaĵon la unuan preludion de la unua libro de l' «Bone temperita klavceno», de Bach. Kelkaj el la melodioj estas provizitaj je Esperanta teksto (eble la traduko el la nacia lingvo?). Bedaŭrinde ĉiuj tiuj tekstoj estas malbone alfaritaj al la muziko: la akcentoj fortaj kaj malfortaj de la muziko kaj de la paroloj estas en konstanta konflikto! Malbonaj ekzemploj donitaj al la «popolanoj»!

La verketo formas 32 paĝan broŝuron (25 x 17 centimetroj) redaktitan en Esperanto kun hungara traduko. Kiel antaŭparolo, eltiraĵo el

Goethe, tradukita korekte en Esperanto, Angla kaj supozeble en hungara lingvoj sed tute malkorekte en la lingvoj franca, itala kaj holanda! Ankaŭ originala citato de Voltaire sur la koverto bezonus seriozan korektadon! Pruvoj de la malfacileco de la naciaj lingvoj kaj de la utilegeco de Esperanto!

Kelkaj lastaj rimarkoj pri la Esperanta teksto mem: «Naturalisto» certe ne estas korekte uzita, se ĝi estas Esperanta vorto, ĉar ĝi elvokas la ideon ne ed «simplule», de «kamparano», de «laboristo», sed ja de «scienculo kiu pristudas la naturon!!» La aŭtoro ŝajnas ne koni la tiel simplan vorteton «kaj»: konstante li uzas, laŭ germana malbona malkorekta kutimo, la longan «respektive» kun tute malĝusta signifo! Mi ankaŭ dubas pri la Esperanteco de vortoj kiel «grafikono», «relativa», «konzervativemulo».

Konklude: verketo certe postulinta multe da elpensa studado, multe da laboro, multe da mono, sed, bedaŭrinde, nek utila nek ĉiam korekta!

La aŭtoro pardonu mian severecon: estas pli bone diri sincere sian penson ol trompi la Esperantan legantaron flatante malsincere la verkinton!

L. COGEN.

# Aŭtonoma Muziknotado

Ekster la parolado farita de S-ro Cogen, pri la A. M. N. dum la ĝenerala Kunveno de la Kongreso de la Belgaj Esperantistoj en Namur, estas diversaj citindaj novaĵoj:

La franclingva brosuro de S-ro Cogen, kiu estas konsiderata kiel la plej plena studaĵo pri la problemo de la reformo de la Muzikskribo, estas nun tradukata en greka lingvo kaj baldaŭ aperos en greka ĵurnalo kaj ankaŭ kiel aparta broŝuro.

La Centra Akademio de Artaj Sciencoj, en Moskvo, post ekkonatiĝo kun la A. M. N. sendis al S-ro Hautstont ateston dirantan ke lia sistemo estas la plej interesa provo iam prezentita en tiu fako.

S-ro Hautstont ensendis en la Lieĝa ekspozicio pri lerneja materialo, fermita antaŭ kelkaj tagoj, grandan lignan tabulon kun moviĝebla liniaro: tiamaniere estis eble montri la similecon de ĉiuj gamoj skribitaj per la A. M. N.. La aŭtoro ricevis ateston per kiu la Lieĝa urbestraro gratulas lin pro lia bone elpensita ensendaĵo.

Fine, ni sciigu ke ankaŭ la itala traduko de la broŝuro de S-ro Cogen, estas nun plenfarita de Fraŭlino Clothilde Ricca muzikprofesorino en Genova (Italujo), filino de nia bonega samideano S-ro Cosmo Ricca. Espereble baldaŭ tiu traduko aperos en Itala ĵurnalo. Klopodoj estas ekfaritaj por ankaŭ ekhavi rusan tradukon.

Nova bonega kvarpaĝa propagandilo aperis en Esperanto; ĝi estas titolita: «Solvo de la demando pri la plibonigo de la muzikskribo per la Aŭtonoma muziknotado, sistemo eltrovita de Jean Hautstont. Mallonga klarigo de L. Cogen». Ni ege rekomendas ĝian uzon al ĉiuj amikoj de la A. M. N.. Ĝi estas havebla ĉe «Belga Esperantisto, 45 Kleine Beerstraat, Antwerpen, Belgujo» (6 ekzempleroj por unu internacia respondkupono).

Oni vidas do ke, iom post iom, dank'al Esperanto kaj al la nacilingvaj tradukoj, la A. M. N. penetras en ĉiujn landojn.

Por aliaj nacilingvaj tradukoj kaj ĉiuj informoj oni sin turnu al S-ro Cogen, Dreve, 52, Ninove, Belgujo.

# La "Radio-servo„ (Esperanto T.S.F.)

Ni havas la plezuron anonci al nia legantaro la ĝojigan fakton, ke post longaj preparoj kaj senlacaj klopodoj sukcesis la fondo de grava Esperanto-Entrepreno: la «Radio-Servo», Esperanto T. S. F.

Grupo de svisaj kaj alilandaj Esperantistoj kune kun esperanto-amikaj radio-fakuloj laŭ iniciativo kaj sub gvidado de nia malnova Esperanto-pioniro D-ro Paul Rumpel kreis larĝan neŭtralan fundamenton, sur kiu ekstaris kiel vere internacia, senpartia, sendependa organizo: la peresperanta tutmonda «Radio-Servo», plenumante tiamaniere la deziron kaj la bezonon de la radio-interesuloj de ĉiuj nacioj.

Oficiala Organo estas la ĉiumonata ilustrita gazeto «Radio-Servo», — la neŭtrala renkontejo de la diversnaciaj kaj diverslingvaj «Senfaden-istoj», la plej internacia informilo kaj organizilo por la radioteknikо, radioindustrio kaj radiokomerco, kaj samtempe la plej efika progresilo por nia Esperanto-movado. La «Radio-Servo» invitas ĉiujn radio-interesulojn kunlabori fervore kune kun ĝi kaj profiti je ĝiaj multflankaj servoj.

La Centra-Oficejo de la «Radio-Servo» en Locarno (Svislando), direktata de nia samideano S-ro Direktoro Armando Cali, donos volonte ĉiujn pluajn informojn, same kiel la Agentejoj de «Radio-Servo» organizataj en la ĉeflokoj de ĉiu lando.

# Kion Opinias pri tio la Knaboj ?

Manjo prezentas en la klaso redaktaĵon, kiun ŝi «tute sola faris», ŝi diras. Jen:

« La knaboj estas viroj, ne ankoraŭ tiel grandaj kiel iliaj patroj, » kaj la knabinoj, estas virinoj, kiuj poste iĝos sinjorinoj.

« La viro estis kreata antaŭ ol la virino. Kiam Dio estis bone » rigardinta Adamon, li diris: «Nu! Mi pensas, ke mi farus tion pli » bone se mi rekomencus», kaj li kreis Eva.

« La knaboj estas ĝenuloj. Ili foruzas ĉion, krom sapon. Se mi » povus elekti, ĉiuj estus knabinoj... kaj la ceteraj, pupoj.

« Mia patro estas tiel bona, ke mi kredas, ke li estis knabino kiam «li estis malgranda. MANJO».

# Esperantista Akademio

**Elektoj (junio 1923, anstataŭ 1922).**
87 voĉdonantoj.

| | | | |
|---|---|---|---|
| 1. S-ro Dietterle, | 83 voĉoj, | posteno | 5 |
| 2. S-ro Lippmann, | 86 » | » | 4 |
| 3. S-ro Inglada, | 65 » | » | 14 |
| 4. S-ro Millidge, | 64 » | » | 12 |
| 5. S-ro Dombrowski, | 63 » | » | 16 |
| 6. S-ro Bailey, | 61 » | » | 17 |
| 7. S-ro Isbrücker, | 57 » | » | 1 |
| 8. S-ro Migliorni, | 55 » | » | 6 |

La 5 unuaj estas elektitaj por 8 jaroj (anst. 9). La posteno 11 (s-ro Evstifejev, rusa) restas vakanta ĝis post la kongreso. La 3 lastaj por 2 jaroj (anst. 3).

**La Akademio konsistas nun el:**

1-a Triono (rebalotota en 1928), Posteno 13: Lengyel, P. 15: Grosjean-Maupin, P. 19: Corret, P. 8: Kühnl, P. 2. Privat, P. 3: Cart.

2-a Triono (reb. en 1931) Posteno 5: Dietterle, P. 4: Lippmann, P. 14: Inglada. P. 12: Millidge, P. 16: Dombrowski, P. 11. (Evstifejev).

3-a Triono (reb. en 1925), P. 7: Nylén, P. 17: Bailey, P. 1: Isbrücker, P. 10: Christaller, P. 6: Migliorini, P. 9: Warden.

**La estraro de l' Akademio konsistas nun el:**

Prez.: Cart, Vic-prez.: Warden kaj N., Sekcio Gramatiko: N. Sekcio Komuna Vortaro: Grosjean-Maupin, Sekcio Premioj kaj Konkursoj: Privat.

La elektoj en la estraron okazos dum la Nürnberga kongreso aŭ, se ne eble, tre baldaŭ post la kongreso.

Tuj poste la Direktoroj de la Sekcioj starigos la specialajn fakajn komisiojn, kiuj dependas de ili.

Intertempe la Akademio elektos laŭ § 12b de l' Regularo Akademiajn Korespondantojn.

La Prezidanto de la L. K.:
17 junio 1923. Th. Cart.

# Esperanto in een Oogslag

Al la grupoj kaj propagandistoj ni liveras propagandfoliojn kun ĉi kontraŭe presita resumo de la gramatiko. La prezo estas: Fr. 3.— por 50 ekz., Fr. 5.— por 100, Fr. 20 por 500, Fr. 35.— por 1000.— De tiu teksto ni ankaŭ havas preskliŝon, kiun ni povas puntedoni je Fr. 10.

**La sama teksto en franca lingvo** estos presata en nia proksima numero, apartaj folioj kaj kliŝo estos haveblaj laŭ la samaj prezoj kiel ĉi supraj!

Mendu jam nun por ambaŭ eldonoj! Disdonu tiujn bonegajn propagandilojn amase!

# ESPERANTO IN EEN OOGSLAG !

ESPERANTO is PHONETISCH.

Alle letters worden uitgesproken :

*één letter één klank.*

De KLEMTOON valt altijd op de *voorlaatste* lettergreep.

*Geen onregelmatigheden*

*Geen uitzonderingen*

**HET ALPHABET VAN ESPERANTO**

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Aa | Bb | Cc | Ĉĉ | Dd | Ee | Ff | Gg |
| *a* | *b* | *ts* | *tsj* | *d* | *e* | *f* | *g*(*) |
| Ĝĝ | Hh | Ĥĥ | Ii | Jj | Ĵĵ | | |
| *dzj* | *h* | *ch* | *i* | *j* | *j*(*) | | |
| Kk | Ll | Mm | Nn | Oo | Pp | Rr | Ss |
| *k* | *l* | *m* | *n* | *o* | *p* | *r* | *s* |
| Ŝŝ | Tt | Uu | Ŭŭ | Vv | Zz | | |
| *sj* | *t* | *oe* | *korte oe* | *v* | *z* | | |

Q, W, X en Y bestaan niet.

(*) *fransche*, als in *gant, jeu*.

A, E, I, O, U hebben ongeveer den klank als in *ta, re, mi, do, doek.* C klinkt niet gelijk S of K, maar gelijk *ts* in fie*ts* of *ts*aar. J heeft den klank van *j* in *ja.* De klanken ĉ, ĝ, ĥ, ĵ, ŝ en ŭ vindt men in *tsj*irpen, *J*ohn, la*ch*en, *j*alappe, cho*c*olade en lee*uw*.

DE SPRAAKLEER bestaat uit ZESTIEN GRONDREGELS.

DE WOORDEN worden gevormd uit stammen door toevoeging van geschikte letters.

**O** is de uitgang van het NAAMWOORD : fakto, telefono, piano, libro, fajro, tasko

HOEDANIGHEIDSWOORDEN eindigen op **A** : evidenta, longa, granda, bela, furioza, simpla

NAAMWOORDEN en HOEDANIGHEIDSWOORDEN vormen hun MEERVOUD door toevoeging van **J** (*aj, oj* klinken ongeveer als in *eieren* en *uien*)

evidentaj faktoj, longaj telefonoj, grandaj libroj

AL DE EENVOUDIGE TIJDEN VAN HET WERKWOORD WORDEN GEVORMD DOOR SLECHTS ZES UITGANGEN

| *Noemvorm* | *Tegenw. tijd* | *Verleden tijd* | *Toekomende tijd* | *Voorw. wijze* | *Geb. wijze :* |
|---|---|---|---|---|---|
| **I** | **AS** | **IS** | **OS** | **US** | **U** |
| ESTI | estas | estis | estos | estus | estu |
| LERNI | lernas | lernis | lernos | lernus | lernu |
| INSTRUI | instruas | instruis | instruos | instruus | instruu |

**N** vormt den ACCUSATIEF (*rechtstreeksch voorwerp*)

Mi (*ik*) instruas lin (*hem*)
Li (*hij*) instruas min (*mii*)
Vi lernas Esperanton

BIJWOORDEN eindigen op **E** : rapide, entuziasme, diligente

## *ESTU PRETA : LERNU ESPERANTON*

DEELWOORDEN worden gebruikt als *hoedanigheidswoorden, naamwoorden* en *bijwoorden*

| | | | |
|---|---|---|---|
| *Bedrijvend* : | Tegenw -ANT' | Verleden -INT' | Toekomend -ONT' |
| *Lijdend* : | Tegenw. -AT' | Verleden -IT' | Toekomend -OT' |
| | Mi estas instruanta. | Mi estas la instruanto. | Instruante, mi lernas |
| | Vi estas instruata. | Vi estas la instruato. | Instruate, vi lernas. |

**ĈU** spreek uit lijk *tsjoe*. *Om een vraag te stellen*

harpo, piano, violono, fluto, orgeno } estas *instrumento* (?)

lilio, rozo, tulipo, violo, geranio } estas *floro*(?)

melono, banano, figo, piro, pomo } estas *frukto* (?)

hundo, kato, kamelo, elefanto, urso } estas *besto*(?)

Ons *Ja* is **JES** en ons *Neen* is **NE**

**LA** (De - het) Eenig bepaend lidwoord

| | | |
|---|---|---|
| tasko, piano | estas (*is*) | simpla, granda |
| knabo, raporto | estis (*was*) | bela, favora |
| progreso, anekdoto | estos (*zal zijn*) | rapida, longa |

*Het voorvoegsel* **MAL** *duidt het tegen overgestelde aan*: malsimpla, malgranda, malbela, malfavora, malrapida, mallonga

KLEUREN

| | |
|---|---|
| blanka | papero |
| blua | krajono |
| nigra | inko |
| bruna | tero |
| rozaj | lipoj |

TELWOORDEN : Unu, 1 ; du, 2 ; tri, 3 ; kvar, 4 ; kvin, 5 ; ses, sep, ok, naŭ, dek ; cent, 100 ; mil, 1000 ; miliono. RANGSCHIKKENDE TELW. : unua klaso, dua klaso, enz.

Als Bijwoorden : *unue,* ten eerste ; *due,* ten tweede ; enz.

Het BEROEP wordt aangeduid door **IST** : dentisto, bakisto, artisto

Het VROUWELIJK GESLACHT wordt aangeduid door : **IN** : princo – princino, patro – patrino, leono – leonino

*Vijf* andere *voorvoegsels* en *twintig* andere *achtervoegsels* maken het mogelijk alle begrippen met de meeste juistheid uit te drukken.

---

Een KLEINE LEERGANG VAN ESPERANTO (Spraakleer, oefeningen en woordenlijst) zal u geworden na toezending van fr. 0,50 in postzegels aan "*Belga Esperantisto*", 45, Kleine Beerstraat, *Antwerpen*.

# Dum Leciono de Plato

Iam, dum dia Plato klarigis antaŭ siaj adeptoj la principojn de sia spiritaltiga filozofio kaj parolis pri la ekzisto de ideala mondo de kiu la Tero estas nur rapida skizo, li sentis, tuŝita per siaj propraj vortoj, sian koron rave entuziasmigata. Dia fajro brilis en liaj okuloj kaj la plej ravaj paroloj eliĝis kiel mielo el lia buŝo. La adeptoj lin aŭskultis silente kaj altmire; Speusipes sola flektis la kapon kaj ekdormetis.

La filozofo, vidante Speusipes'on dormanta, subite plilaŭtigis sian voĉon kaj, vekante la adepton, li dolĉe riproĉis al li, ĉar la trankvila animo, de Plato neniam ekkoleris; eĉ kiam li riproĉis, liaj vortoj estis ĉiam plenaj je boneco.

Speusipes senkulpigis sin al sia mastro; li diris ke, la antaŭan nokton, ĉar li ne povis dormi, li estis elirinta Athenon kaj promenis al la valo de l'Iliso. «Tie, li diris, «rigardante la gravan majestecon de l'nokto, mi lasis ravoplene vagi miajn okulojn en la spaco de l' ĉielo. La steloj estis sennombraj; la firmamento brilis per sia eterna beleco. Tiam mi memoris viajn lecionojn; ŝajnis al mi kvazaŭ mi aŭdis la ĉielharmonion de l' sferoj; kvazaŭ nevidebla kantdiino estis transportinta min en la nemezureblan spacon de l'ideala mondo, kie la esenco de ĉiuj aĵoj kuŝas kun ĝia neŝanĝebla forto. Tiel mi dum la tuta nokto admiradis, revante, la ĉielon. Iom post iom la Oroento heliĝis; la unuaj dublumoj de l'tagiĝo ekmontriĝis; kelkaj birdoj ekkantis; la suno leviĝis el la Egea Maro, la tuta naturo vekiĝis kaj fine supreniris en la ĉielarkaĵo la Reĝo de l'Tago en la brilo de sia belegeco; ĝi lumis la tutan naturon kaj malaperigis la stelojn en la lumo de siaj radioj;ŝajnis al mi ke la eterna lumglobo estas la bildo de l' eterna vero kiu tralumas là animojn kaj enigis en ilin radiojn de saĝeco.

Tuŝita pro la beleco de tiu vidaĵo, mi sentis larmojn eniĝantajn en miajn okulojn kaj longe mi ploris. — Tiam mi venis al la Akademio kaj miaj okuloj, lacigitaj pro maldormo kaj larmoj, fermiĝis».

Tiel parolis Speusipes kaj Plato, dolĉe ridetante diris: «Ho Speusipes, se vi ploris admirante la ĉielon, vi ja povas dormi dum miaj lecionoj!»

Tradukis L. Cogen el la flandra originalo de J. O. Devigne( dum lia vivo, advokato en Gento).

# Komerco cedita

«Sinjoro,» diris almozulo, «malriĉa blinda virino petas de vi almozon.»

«Nu, bona viro mia,» respondis la sinjoro, «vi ŝajnas esti malsaĝa. Plie, vi ne estas blinda.»

«Jes, mi bone tion scias, Sinjoro, sed mia mortinta fratino blinda estis, kaj mi transprenis la klientojn de ŝi.

Tradukis O. Vanhove.

# Bibliografio

ESPERANTA RADIKARO (Oficialaj Radikoj) kun Portugala Traduko de A. Couto Fernandes, eldonis : 1922, Eldona Industria Entrepreno «O Norte» Albuquerque, Neves & ko., Rio de Janeiro. Brazilio. — 82 paĝoj 12.5 x 9.5 cm. Prezo : nemontrita. — Tre zorge kaj plaĉe eldonito broŝureto.

A BLIND ESPERANTIST'S TRIP TO FINLAND AND SWEDEN to attend the Fourteenth International Esperanto Congress, by W. Percy Merrick. — Presita kun la helpo de la Esperanta Grupo de Hastings, Anglujo. — 18 paĝoj 15 x 10 cm. — Petu ekzempleron de S-ro Alfred Jno. Adams, Plynlimmon Terrace, Hastings, England. Kvankam blindulo ne vidas pejzaĝan belecon, li povas plene ĝui vojaĝadon, precipe en Esperantujo, kie li ĉiam sintrovas inter bonkoraj amikoj, de kiuj li lernas multon pri la homa vivo tute nekompreneblan al li dum li restas hejme. Le enmiksado kun samideanaj viduloj kaj samsortanoj, la novaj temoj priparolitaj, la malsamaj vidpunktoj renkontataj, eĉ la gusto de la aero, kiun li spiras kaj la sonoj, kiujn li aŭdas en fremda lando faras al blindulo impresojn, kiuj plivastigas liajn simpatiojn kaj plenigas lian memoron por daŭra reĝuo dum horoj de izoleco.

Kiu komprenas anglan lingvon ne preterlasu peti tiun tre agrable verkitan broŝureton.

ESPERANTO FOR ALL. — How to Read, Write and Speak it. — Second edition, 150a milo, — eldonita de British Esperanto Association, 17 Hart Street, London WC 1. 36 paĝoj 17,5 x 12 cm. — Prezo 2 pencoj. — Tre praktika propaganda broŝuro kun malgranda gramatiko de nia lingvo. — La propaganda parto estas tre efike aranĝita, kaj prezentas la tutan problemon de Esperanto per malgrandaj artikoletoj, laŭfake: Kio Estas Esp.? La Eduka Valoro de E., Esp., en Komerco, Komercaj Ĉambroj, Kongresoj, Scienco; Literaturo, Organizaĵoj; Esp. en Granda Britujo, La aŭtoro de Esp.; Ligo de Nacioj; Vortoj de Universitataj Profesoroj.

ELEKTITAJ HUMORAJ RAKONTOJ represitaj el «The British Edperantist» kaj «Esperanto Monthly» (Kolekto de B.E.A. N° 4.). — Eldonis: 1922. Brita Esperantista Asocio, 17 Hart Street W.C.I. — 24 paĝoj 18,5 x 12,5 cm. — Prezo: 10 pencoj.

Naŭ belstilaj malgrandaj literaturaĵoj. Inter ili ni trovas tradukon el la verko «Ernest Staas» de Tony Bergmann, la bone konatan «Heredomalsanon», tradukitan de G. Greefs.

DAS DEUTSCHE LIED IN ESPERANTO. — Germanaj Kantoj Esperantigitaj. Kompilis Friedrich Pillath. — Dua iom kompletigita eldono. — Eldonis : 1922. Esperanto - Verslag Ellersiek & Borel, Berlin-Dresden. — 74 paĝoj 15,5 x 11,5 cm. — Prezo: Svisa franko: 0,80. — Ampleksa kolekto da germanaj popolkantoj, kantoj por unuopa voĉo kaj Internaciaj kaj diversaj kantoj. — La papero de tiu eldono estas iom pli malbona ol tiu de la unua.

ESPERANTA BIBLIOTEKO INTERNACIA eldonita de Ellersiek

& Borel, Berlin-Dresden N° 2. FABELOJ DE ANDERSON, tradukis F. Skeel-Giörling (13a-20a miloj), 1923. — 40 paĝoj 14 x 10 cm. — Prezo: Fr. svisa: 0,30.

N° 9. — PRAKTIKA FRAZARO, Dialogoj de la ĉiutaga vivo. — Kunmetis J. Borel. — 3a eldono, 1922. — 48 paĝoj 14 x 10 cm. — Prezo: Fr. svisa: 0.38.

N° 16. — KOMERCA KORESPONDO. Kummetis J. Borel — 2a eldono 1922, — 48 paĝoj, 14 x 10 cm. — Prezo: Fr. 0.30.

POŜKALENDARETO POR ESPERANTISTOJ 1923. — Eldonis Ellersiek & Borel, Berlin-Dresden. — 80 paĝoj 12 x 8 cm. — Prezo: Fr. svisa 0.50. — Tre bele eldonita kalendareto, kun diversaj ĝeneralaj kaj priesperantaj informoj. — Bedaŭrinde la prezo estas tro alta por tia verketo.

VORTARO DE LA OFICIALAJ RADIKOJ DE ESPERANTO, laŭ la «Universala Vortaro» kaj la tri oficialaj Aldonoj. — Th. Cart. — Kolekto de la Akademio. — Eldonis 1923 Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel, Berlin, SW. 61, Wilms-strasse 5. — 32 paĝoj 15 x 9.5 cm — Prezo: Fr. svisa: 0,50.

EKZERCARO eltirita el «Fundamento de Esperanto», de L. L. Zamenhof 3a eldono. 1923. Esperanto-Verslag Ellersiek & Borel, Berlin-Dresden. — 32 paĝoj 16 x 11 cm. — Prezo: svisa Fr. 0,30.

TASCHENWORTENBUCH DEUTSCH-ESPERANTO de Karl J. Loy. Eldonis 1923: Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel, Berlin-Dresden. — 232 paĝoj 16,5 x 10,5 cm. — Prezo: broŝurite svisa Fr. 2,50; birdite svisa Fr. 3,—

Tre praktika vortaro, kies eldono ankaŭ estas plej bone zorgita. La presado estas klara, kaj la formato tre agrabla. Ĝi sen iu dubo plene kontentigos siajn uzontojn.

UNUA LEGOLIBRO. Gradigitaj Legaĵoj kun Frazlibro kaj Modeloj de Leteroj. — De D-ro Kabe. — Esperanto Libraro N° 1. — 5a eldono. — 1922. —Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel, Berlin. — 160 paĝoj 17.5 r 12 cm. Prezo: svisa Fr. 1.50.

Jam de multaj jaroj bone konata kolekto da elektitaj legaĵoj, frazaroj kaj leteroj. La unua parto enhavas Anekdotojn, rakontojn kaj diversaĵojn; la dua parto: 2novelojn kaj fragmentojn ; la tria leteroj. frazlibron kaj la kvara parto: serion da privataj kaj komercaj leteroj. — Ni ĉiam kun plezuro relegas la verkojn de niaj unuaj Esperantaj stilistoj, inter kiuj estas la aŭtoro de ĉi tiu libro, kiu, kvankam ĝi ne estas la plej nova, daŭre konservis sian taŭgecon por niaj samideanoj, kiuj ĵus studis la gramatikon de Esperanto.

ALFABETISCH KORTSCHRIFT «GROOTE». — Eene Stenografie voor iedereen en voor alle talen. — Door L. Cogen. — Eerste deel: Onverkorte Stenografie. — Uitgave der drukkerij «De Lusthof», Steenbrugge-bij-Brugge. 1923. Reisboekerij Nr 4. — Prijs: Fr. 0,50.

LA BOHEMAJ MONDBANLOKOJ KAJ ILIAJ EKSKURSTERITORIOJ. — Eldonita de la Landligo por interkomuniko de fremduloj, Karlsbad; kunmetita de Ambros Schiffner. Esperantigita de Josef Wünsch kaj Bruno Zeiner. — 52 paĝoj 17 x 12 cm. — Prezo: nemont-

rita. — Tre bela gvidlibreto kun mul aj ilustraĵoj.

BIBLIOTEKO DE TERISTO. Moskvo. Poŝtkesto 663 de Stanislav Szabuniewicz:

Nº 1. — LA SOLA SAVRIMEDO. — 8 paĝoj 17,5 x 13 cm. — Prospekto pri la Terismo. — Prezo: Fr. 0,50.

No 2. — URBOJ DE LA ESTONTO. — La ideo de Howard (Eltiraĵo el la libro de Dadonov «Gardenurboj de la estonto-tempo). — 16 paĝoj 17,5 x 13 cm. — Prezo: Fr. 1.—

Nº 3. — LA PLEJ GRANDA KOMUNISTA ORGANIZAĴO EN LA MONDO. (La komunumo de la duhoboroj). El la rusa lingvo esperantigis Maria Sidlovskaja. — 48 paĝoj, 17.5 x 13 cm. — Prezo: Fr. 3.30. — Tre interesa dokumento kun multaj ilustraĵoj. Pri boneco de la lingvo uzita respondas la nomo de la tradukintino.

DEKDU. — Poemo pri la Rusa Revolucio. De Aleksandro Blok. Tradukis N. V. Nekrasov. — Eldonis «La Nova Epoko», 1-a Tverskaja-Jamskaja, 35, kv. 5, Moskvo — Ruslando. 1922. Kun portreto kaj malgranda biogafio de la aŭtoro. — 32 paĝoj 15.5 x 12.6 cm. — Prezo: Fr. 1.—.

DIE BISHERIGEN ERFOLGE DER WELTHILFSSPRACHE ESPERANTO AUF DER GANZEN WELT. — Kunmetita de Dr. H. Ploeles kaj Hanns Sappl. — 3a pligrandigita kaj plibonigita eldono. — 1922. — Graz, Paulus-Verlag, Esperanto-Abteilung. — 108 paĝoj 20,5 x 14 cm. — Prezo: Fr. 4.— (broŝurita.)

Tre interesa dokumento por propagandistoj kaj paroladistoj, kiuj komprenas la germanan lingvon. La libro enhavas mallongan historion kaj gramatikon de Esp. kaj ĉiuspecajn informojn pri la disvastiĝo de nia movado tra la tuta mondo.

AKORDOJ ESPERANTAJ, de M. L. Kaplan. — Esperanta Librotrezoro Nº 2. — Eldonis 1922: J. Ŝapiro, Lipowa 33, Bialystok, Polujo. — 32 paĝoj 17 x 11 cm. Prezo: Fr. 1,20. — Aro kun 14 poezioj, kiujn ni povas rekomendi al la amantoj de bonaj versaĵoj.

EL LA LANDO DE RUINOJ de Antoni Wyslouch, tradukis Salo Grenkamp-Kornfeld. — Unua Parto. — Eldonis 1923: Oskar Ziegler, Deisenhofen-München. — 20 paĝoj 14.6 x 11 cm. — Prezo: Svisa Fr. 0,25.—

BARBRA. — Unuakta Teatraĵo de Jerome K. Jerome. — El angla lingvo tradukis S-ino Flora Hardcastle, — presis Geo Luscombe, 34 Parsonage Road, West Bowling, Bradford, Anglujo. — Aĉetebla ĉe British Esperanto Association, 17, Hart Street, London W.C.1. — 24 paĝoj 20.5 x 13 cm. — Prezo: 1 ŝilingon. — Tre bona traduko de teatraĵo facile ludebla en societoj. Du viraj kaj du virinaj roloj.

KRUCUMO. — En rusa lingvo verkita de Aleksandro Drozdov; tradukita de N. Hohlov. — Presita en la Reĝa Landa Presejo, Zagreb, 1922. — Eldono de Sudslava Esperanto-Servo, Zagreb. — 56 paĝoj 16,5 x 12,5 cm. — Prezo: Svisa Fr. 1.—

Specimeno el la moderna rusa literaturo. Verko impresita de la ĵus pasinta historia periodo en Ruslando. La traduko estas bonstile farita kaj la eldono plej bone zorgita. Ni tre rekomendas la legadon de tiu libreto.

KATALOOG VAN DE STEDELIJKE VOLKSBOEKERIJEN VAN ANTWERPEN. — 1923. — Libro de pli ol 600 paĝoj 20 x 14 cm. kun la titoloj de ĉiuj libroj, kiujn la Popola Biblioteko metas je la dispono de la Antverpena loĝantaro. — Estas ĝojige renkonti sub Fako N. kolekton da Esperantaj libroj, kiu jam superas la hispanan kaj italan fakojn. Ni denove esperas, ke la esperantistoj de Antverpeno ĝuu la okazon, kiun ili havas, tiel facile havigi al si la Esperantajn eldonaĵojn, kaj ni esprimas la deziron, ke baldaŭ aliaj bibliotekoj imitu la iniciativon de la direktantoj de la Antverpena Biblioteko.

FOIRO DE PARIS. — 10-25 Majo 1923. Kvarpaĝa (16 x 24 cm.) prospekto eldonita de la foira oficejo, Place de la Bourse, 8, Paris. Senpaga.

IVa INTENACIA FOIRO DE REICHENBERG. 11-19 Aŭgusto 1923. ( 23 x 15 cm.) — Okpaĝa prospekto eldonita de la Foiro Oficejo (Esperanto-Fako). Senpaga.

IVa INTERNACIA FOIRO DE REICHENBERG. — 11-19 Aŭgusto 1923. — Unufolia: «La senco de la Foiroj», de E. Spiethoff prezidantara membro de la foiro de Reichenberg. (22,5 x 28,5 cm.).

LA FOIRO DE SKANIO. — Malmö, Svedujo. — 30 Julio - 5 Aŭg. 1923. Kvarpaĝa (13 x 20 cm.) prospekto eldonita de la oficejo de la Foiro de Skanio. Kalendegatan 4, Malmö, Svedujo.

Va INTERNACIA FOIRO EN VIENO. — 2an-8an de Septembro 1923. — a) Okpaĝa prospekto, senpage ricevebla de la Viena Foiro Akcia societo, Museumstraco 1, Vieno VII. (15 x 23 cm.). b) Kolorita afiŝeto. (24 x 32 cm.)

BERNA ALPFERVOJO. — Bern-Lötschberg-Simplon. Svisujo. Deksespaĝa prospekto kun bela kolora panoramo pri la Berna Oberland kaj la Berna Alpfervojo (Bern-Lötschberg-Simplon). (11,5 x 20,5 cm.).

FOIRO DE FRANKFURT. — 23-29 Septembro 1923. Dekdupaĝa prospekto ilustrita. (10,5 x 15 cm.).

INTERNACIA FOIRO DE PRAHA. — 2an - 9an de Septembro 1923. — a) Kolora afiŝeto. (30 x 29 cm.). b) Bela granda kaj kolorita afiŝo. (82 x 110 cm.).

SOCIETE DES NATIONS. -- **L'Esperanto comme langue auxiliaire internationale.** — Rapport du Secrétariat général adopté par la troisième Assemblée de la Société des Nations. 44 paĝoj (21 x 13,5 cm.) Prezo: Fr. 1.25. Aĉetebla ĉe nia Revuo. Bonega propagandilo.

HISTORIO DE LA LINGVO ESPERANTO, de Edmond Privat. Deveno kaj Komenco 1887-1900. Dua eldono. Eldonis Ferdinand Hirt & Sohn. Leipzig. Esperanto-Fako. 1923. 80 paĝoj 19 x 13 cm. Prezo: 3.60.

Konita grava dokumento de nia eminenta samideano Privat. Ĉiu esperantisto devus posedi, almenaŭ legi ĝin.

LA CONFERENCE INTERNATIONALE DE GENEVE SUR L'ENSEIGNEMENT DE L'ESPERANTO DANS LES ECOLES. — Compte rendu fait, à la Chambre de Commerce de Paris ,le 25 avril 1922, par M. André Baudet. Eldonaĵo No 11 de la «Société des Amis de l'Esperanto». Aĉetebla ĉe nia redakcio. 2 paĝoj, 21,5 x 27,5 cm. Prezo: Fr. 0.15. Efika propaganda dokumento.

VŒU EN FAVEUR DE L'ADOPTION DE LA LANGUE AUXILIAIRE ESPERANTO signé par les membres de l'Académie des Sciences. — Eldonaĵo No 12 de suprecitita societo. Aĉetebla ĉe nia redakcio. Prezo: F. 0.05.

L'ESPERANTO A L'ECOLE. — Extrait de «L'Education», décembre 1922. Conférence faite à l'Aula de l'Université de Genève, le 20 avril 1922, par Pierre Bovet, professeur à l'Université de Genève, Directeur de l'Institut J.-J. Rousseau. Eldonis Hatier, 8, rue d'Assas, 8, Paris. - 16 paĝoj ,16 x 24 cm. Prezo: Fr. 0.40. Aĉetebla ĉe nia redakcio.

LA CONFERENCE INTERNATIONALE DE VENISE POUR L'ADOPTION D'UNE LANGUE COMMERCIALE COMMUNE. — Rapport présenté, au nom de la Commission de l'Enseignement commercial, par M. André Baudet, et dont les conclusions ont été adoptées par la Chambre de Commerce de Paris, dans sa séance du 9 mai 1923. — 20 paĝoj, 21 x 27 cm.. Havebla ĉe nia redakcio.

STARPTAUTISKA VALODA LINGVO INTERNACIA. — Propaganda broŝuro en latva lingvo. Eldonita en Riga. 8 paĝoj 22.5 x 15 cm.. Prezo: nemontrita.

AUSFUHRLICHE GRAMMATIK DER ESPERANTO-SPRACHE. De Jules Perlet, diplomierter Esperanto-Lehrer, Bern, Schweiz. — Eldonis « Alfred Schmid & Cie » Bern, 1923, 104 paĝoj 23 x 16 cm. Prezo: nemontrita.

Tre ampleksa bonega lernolibro, kun multaj trafaj ekzemploj. Ĝi taŭgas speciale por personoj kiuj deziras studi la lingvon sen helpo de profesoro. La libro estas presita sur preskaŭ-luksa papero per dikaj, bone legeblaj literoj. Ni ne dubas ke tiu nova libro multe helpos divastigi nian lingvon en germana parto de Svislando.

VERTAALDE ESPERANTO-EXAMENOPGAVEN door J. C. Isbrücker-Dirksen. — Eldonejo: van Vevervinckstraat, 10 's-Gravenhage, Nederlando, 1923. 40 paĝoj, 14,5 x 21 cm. Preezo: Guld. 0.40.

Enhavas la tradukojn de la ekzamenaj tekstoj de la verketo citita en B. E. 1923, paĝo 27.

NATIONERNAS FORBUND OM ESPERANTO SOM INTERNATIONELLT HJALPSPRAK. — (Ligo de Nacioj pri Esperanto kiel Internacia helplingvo). Raporto de la Ligo de Nacioj. Sveda eldono. Traduko de Carl Ohlsson. Stockholm, Förlagsföreningen Esperanto U.P.A. — 60 paĝoj, 20 x 12 cm.. Prezo: 50 öre sen kovrillo, 1 sveda krono kun kovrilo.

ESPERANTO ALS INTERNATIONALE HILFSSPRACHE. — Raporto de la Ligo de Nacioj. Germana traduko de Germana Esperanto-Instituto. Eldonita de Ferdinand Hirt & Sohn. Leipzig. Esperanto-Abteilung, 1923. 48 paĝoj, 20 x 14 cm. Prezo, nemontrita.

SVAZ NARODU O ESPERANTU. — Raporto de la Ligo de Nacioj. Ĉeha traduko de R. & H. Fridrichovi. Eldonita en Praha, 1923. Praha VII, Socharskà 333. Prezo: Kĉ. 5.—. 48 paĝoj, 12 x 17,5 cm..

POUR LA LANGUE COMMERCIALE AUXILIAIRE UNIVERSELLE. — **Actes de la Conférence Internationale de Chambres de Commerce, Foires d'échantillons, Groupements économiques et Offices du tourisme, réunie à Venise du 2 au 4 avril 1923.** — Conférence commer-

ciale de Venise. Compte rendu sommaire. 56 paĝoj, 13,5 x 21 cm.. Prezo: Fr. 1.25. Aĉetebla ĉe nia redakcio. Niaj grupoj kaj propagandistoj uzu tiun ĉi broŝuron elmontranta la praktikan flankon de niaj lingvo kaj movado.

ATTI DELLA CONFERENZA INTERNAZIONALE PER LA LINGUA COMUNE DE COMMERCIO E DEL TURISMO. — Originala Itala traduko de la suprecitita dokumento. — Eldonita de itala Komerca Ĉambro por Svislando, Genève en Verona, Casella Postale. 25. 40 paĝoj, 17 x 24 cm. Prezo: ?

COMMERCIAL CONFERENCE AT VENICE. — Raporto pri la Venezia Komerca Konferenco, farita de la Delegito por la Londona Ĉambro de Komerco. 24 paĝoj 19 x 24,5 cm. Prezo: 7 pencoj. (25 ekz.: 2 ŝ. 6 p.; 50 ekz.: 5 ŝ. 2 p.). Havebla ĉe Brita Esperanto Associo, 17 Hart Street, London W. C. 1.

UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO JUNULARA (U. E. A. J.). Jarlibro 1923. — 40 paĝoj, 13 x 10 cm. Enhavas adresojn de delegitoj kaj membroj de la Asocio. — Prezo: Fr. 0.50. Aĉetebla ĉe la belga Delegito de U. E. A. J., F. Schoofs, 45, Kleine Beerstraat, Antwerpen.

UNIVERSALA ESPERANTO ASOCIO. — OFICIALA JARLIBRO 1923. — Universala Esperanto Asocio, 12 Boulevard du Théâtre, Genève. 300 paĝoj, 16,5 x 11,5 cm.. Ricevebla per membriĝo al U. E. A. Kotizo por Belgoj: Fr. 8.—. 11a eldono de tiu praktika libro, kiu enhavas adresojn de Delegitoj, grupoj, k. c. en 1100 lokoj de la mondo. Krom tio ĝi enhavas tre interesan enciklopedian parton kaj detalojn pri organizacioj kaj gazetaro esperantistaj.

JARLIBRO DE LA LINGVA KOMITATO KAJ DE ĜIA AKADEMIO. Esperantista dokumentaro. Kajero 34a (Junio 1923). Sekcio B: Lingva Komitato No 10. Esperantista Centra Oficejo, 51, rue de Clichy, Paris. 1923. 16 paĝoj, 24 x 15,5 cm. Prezo: Fr. 1.25. Enhavo: Deklaracio de la Akademio; Regularo de la Lingva Komitato; Regularo de la verkoj rekompencotaj de la Akademio; Komentario; Adresaro de la Lingva-Komitatanoj kaj de la Akademianoj.

ALEGORIOJ EL LA NATURO, de Margaret Gatty. El la angla lingvo tradukis G. Gordon (Gego) F. B. E. A. Dua kaj pligrandigita eldono. Eldonita de la Brita Esperantista Asocio, 17, Hart street, London, W. C. 1. 1922. 66 paĝoj, 18,5 x 12,5 cm. Prezo: 1 ŝ.

Bonega traduko de ses agrablaj legaĵoj pri la vivo de bestoj kaj kreskaĵoj. Eĉ mezlerta esperantisto multe ĝuos la legadon de tiu verketo.

MUZIKAĴOJ eldonitaj de Brita Esp. Asocio, 17 Hart Street, London W. C. 1.

LA ESPERO, himno Esperantista. Poezio de D-ro L. L. Zamenhof, muziko de F. De Ménil. 22 x 28 cm. Prezo: 6 pencojn.

LA FAMA HUMORA KANTO «ESPERANTO»: verkita, komponita kaj kantita de Harrisson Hill. Prezo: 3 pencojn.

HIMNO DE DANKO: vortoj kaj muziko de Harrisson Hill. Prezo: 3 pencojn.

LA VERA FRATARO: vortoj kaj muziko de Harrisson Hill. Prezo: 3 pencojn.

## *DEZIRAS KORESPONDI :*

S-ro G. Würckteim, Freiburgstr. 44, Breslau, Germanujo. (bildkartoj).

F-ino Malvina Ivanuŝ, Nikoliĉeva, 13, Zagreb, Jugoslavujo. (il. kartoj & poŝtm.).

S-ro Julio Roscubaum, Stiebenhufenerstr. 17, Breslau, III. Germanujo. (interŝanĝas papermonon, p-m).

S-ro Siegfried Krafczyk, Friedrichstr. 3, Breslau, V. Germanujo. (kun komercistoj pri komercaj artikoloj en ilia lando).

S-ro George Gabsby, Nichollsstr., 8, Stoke-on-Trent, Anglujo. (il. pk. & gaz.).

S-ro Georgo H. Boatte, La Y. M. C. A. (J.D.) 56, Peter street, Manĉestro, Angl. dezirus korespondantojn por siaj grupanoj. Korespondas latine, france, angle, itale, aŭ en Esperanto.

F-ino Sona Nalbontova, Car. Yvan Ŝiŝman str. 44, Ploveliv, Bulgarujo.